# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1977/78 №5(49) Januaro

## SOCI-UTILA LABORO - NIA KOMUNA ZORGO

Laŭ decido de la Konferenco mi respondecas pri Populariga fako. Ĉiu komprenas gravecon de ĉi tiu fako, kaj mi esperas ricevi amikan helpon kaj kunlaboron de ĉiuj kluboj. Multaj kluboj aktive agas: prelegas, verkas artikolojn por gazetaro, koncertas, organizas diversajn ekspoziciojn ktp. Sed tio malmulte reeĥas en la vivo de aliaj kluboj.

Mi petas informon kaj kunlaboron de ĉiuj kluboj:

1) en ĉiu klubo devas esti elektita persono, kiu respondecos pri populariga fako en la klubo kaj kun kiu mi poste kontaktos;

2) mi petas ĉiun klubon sendi al mi sian laborplanon por la jaro 1978: mi studos ĝin, elektos ĉion interesan kaj novan, donos taskojn;

3) mi petas sendi prelegojn pri Esperanto, preparitajn por neesperantistoj (povas esti ĝeneralaj prelegoj "Kio estas Esperanto" aŭ specialaj, ekzemple "Esperanto por paco", "Esperanto kaj scienco" ktp.);

4) ĉiu klubo, kiu aperigis novan artikolon en gazetaro, sendu al mi 45 ekzemplerojn de la gazeto kun la artikolo; mi kolektados kaj dissendados al ĉiuj kluboj.

Dum la Konferenco k-do Sibircev faris tre gravan laboron. Li kolektis proponojn kaj opiniojn de konferencanoj pri soci-utila laboro. La liston mi sistemigis kaj komentas kiel fakestro.

1) E k s p o z i c i o j p o r e k s t e r a p u b l i k o :

a) infandesegnaĵoj;
b) politikaj afiŝoj;
c) insignoj;
ĉ) fotoj;
d) projektoj de internacia lingvo kaj signifo de Esperanto ĉirilate;
e) filatelo, bildkartoj;
f) emblemoj;
g) belaj albumoj pri E-movado, senditaj el diversaj urboj;
ĝ) libroj;
h) eldiroj de famuloj pri Esperanto;
ĥ) "Esperanto kaj naturo" aŭ "Esperanto kaj biologio" ktp.

Mi petas informi min, kiu klubo jam posedas aŭ povas fari iun el tiuj aŭ similaj ekspozicioj.

2) P r e l e g o j p r i j u n u l a r o, p a c o, i n t e r n a c i a j k o n t a k t o j :

a) Junulara Festivalo en Kubo;
b) junularaj festoj;
c) junularaj E-organizaĵoj;
ĉ) Olimpiko-80 kaj Esperanto;
d) E-movado en certa lando, ekzemple Bulgario ktp.

Kiu havas kaj kiu pretas verki prelegon, skribu al mi.

3) Ĝ e n e r a l a j  p r e l e g o j :
a) E-movado en nia lando kaj eksterlande;
b) apliko de la sperto de esperantistoj por interlingvistiko;
c) junularaj internaciaj E-renkontiĝoj kaj ilia signifo.
Kiu povas prepari tiajn prelegojn?
4) L u m b i l d o j pri E-movado - kiu havas?
Kiam mi ricevos ĉi tiujn informojn, ni povos atingi jenajn rezultojn:
1) Kolektado de diversaj prelegoj: a) laŭ temoj, b) laŭ aŭskultantaro (por studentoj, por laboristoj, por gelernantoj ktp.
2) Organizado de migrantaj ekspozicioj, kiujn povos utiligi ĉiuj kluboj.
3) Preparado de albumoj pri OkSEJT kaj OrSEJT, SEJM-Konferenco.
Por tio mi petas, ke ĉiuj fotistoj partoprenintaj ĉi tiujn aranĝojn sendu interesajn fotojn al mi.
Samideanoj! Ne forgesu, ke mi ĉi tie resumis viajn proponojn kaj opiniojn. Do agu kaj kunlaboru!

A.Kuprienko, estro de Populariga fako.

## I N F O R M I L O N^o 1
pri la 20-a Orient-Sovetia Esperantista Junulara Tendaro
(OrSEJT-20)

Loko. La 12-a Konferenco de SEJM-Konsilantaro kaj la 20-a OrSEJT, dediĉitaj al la 60-jariĝo de VLKSM kaj la XI-a Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj, okazos en la Altaja regiono ĉirkaŭ 250 km okcidente de la urbo Barnaul, proksime al la vilaĝo Zavjalovo sur interbordo de tri lagoj.

Tempo. La Konferenco okazos la 12-an - 14-an de julio, ĝin sekvos 5-taga Paroliga periodo la 15-an - 19-an de julio. La tendaro okazos la 20-an - 29-an de julio 1978. La tuta aranĝo seninterrompe daŭros 18 tagojn.

Kondiĉoj. La partoprenontoj de la Konferenco kaj tendaro loĝos en turistaj kondiĉoj, t.e. tendoj, dormosakoj, ĉiutaga matena gimnastiko, manĝado trifoje tage ĉe komuna kaldrono. La partoprenontoj de la Paroliga periodo laŭgrupe disiros al siaj punktoj de dislokado kaj dum 5 tagoj ronĝos la graniton de Esperanto kaj digestos ĝin kune kun la ĉiutaga manĝaĵo.

Partoprenrajto.
La Konferencon rajtas partopreni personoj, indikitaj en la Regularo de SEJM (ĉapitro II, p. 1 - 4).
La Paroligan periodon rajtas partopreni personoj nepre finintaj elementan E-kurson kaj pozitive plenumintaj elementan E-ekzamenon.
La tendaron rajtas partopreni personoj E-parolantaj, sukcese pasintaj la Paroligan periodon, ne havantaj disciplinajn riproĉojn en pasintaj tendaroj kaj personoj speciale invititaj al la tendaro.

Programo. La programo de OrSEJT-20 enhavos E-instruadon en ĉiuj niveloj, dediĉan mitingon, sportajn konkurojn, artajn prezentojn kaj vesperajn amuzojn, tagan sunbanon kaj noktan (sen)dormon, teatron de nevola aktoro, Neptun-feston, KGS, ekspoziciojn kaj plurajn aliajn erojn.

Kotizo.
1. A l i ĝ k o t i z o : 4 rub. por lernantoj, 5 rub. por studentoj, 6 rub. por ceteraj.
2. P a r t o p r e n k o t i z o : 2 rub. 50 k. tage - por la personoj venontaj kun propraj tendo, dormosako kaj dorsosako; 3 rub. tage - por la ceteraj.

Adresoj kaj telefonoj.
1. R e s p o n d e c u l o  p r i  l a  t e n d a r a  p r o g r a m o : Gonĉarov Anatolij Jevgenjeviĉ - 656099 Barnaul-99. abon. k. 11. Tel.: oficaj 93435, 22362; hejma 53839.
2. R e s p o n d e c u l o  p r i  E - i n s t r u a d o : Ebel Vladimir Aleksandroviĉ - 656099 Barnaul-99, abon. k. 83. Tel.: ofica 63360, hejma 54418.
La aliĝiloj kaj kotizoj estas akceptataj pogrupe ĝis la 15-a de majo 1978 laŭ jena skemo:
1. Urboj kaj lokoj, kies nomoj komenciĝas de la literoj A,B,C,Ĉ,D,E,F. sendu la aliĝilojn kaj kotizojn al A.Gonĉarov (adreso supre).
2. Urboj kaj lokoj - G,Ĝ,Ĥ,I,J,Ĵ,K - al V.Ebel (adreso supre).
3. Urboj kaj lokoj - L,M,N - al Jakovlev Viktor Andrejeviĉ: 656099 Barnaul-99, abon. k. 2.
4. Urboj kaj lokoj - O,P,R,S,Ŝ - al Jaskov Gennadij Jakovleviĉ: 656099 Barnaul-99, abon. k. 60.
5. Urboj kaj lokoj - T,U,V,Z - al Poljakov Viktor Vladimiroviĉ: 656038 Barnaul-38, abon. k. 678.
Rimarkoj.
1. Personoj, montrontaj sin maldiligentaj dum la Paroliga periodo, kaj personoj neglektontaj la tendaran kaj lingvan disciplinojn estos eksigataj el la tendaro.
2. Oni rajtas partopreni la aranĝon laŭperiode. Escepto estas por komencantoj: personoj ne pasintaj la Paroligan periodon ne estos akceptataj al la tendaro.
3. En okazo de nepartopreno en la tendaro al la aliĝonto estos resendita la parto 2 de la kotizo kaj aldone tendaraj insignoj, emblemo, tendara papero kaj tendara gvidlibro.
4. La aliĝ- kaj partoprenkotizoj estas akceptataj jam nun laŭ la indikitaj adresoj.

T e n d a r a  K o m i s i o n o.

## "PASIVA AKTIVULO" EN SEJM

Jes, mi estis kaj estas aktivulo: mi organizis kaj gvidis E-sekcion en Zaporoĵia pedagogia instituto, estis unu el organizintoj de Zaporoĵia E-klubo. Mi organizis ankaŭ E-grupon en Novomoskovsk kaj vigle agadis.

Kial "pasiva aktivulo"? Ĉar mi estis aktivulo nur por interna kluba laboro (kio estas grava ankaŭ por SEJM). Mi partoprenis SEJT-ojn, sed plejparte por ripozi, renkontiĝi kun geamikoj, esperantigi novajn kursanojn. Mi partoprenis Konferencojn, atenteme aŭskultadis kaj voĉdonis por saĝaj proponoj de aliaj aktivuloj. Sed kun SEJM-fakoj mi ankoraŭ ne kunlaboris.

Pasintjare mi estiĝis ano de Tendara Estraro en OkSEJT-19 kaj multe laboris por organizi la tendaran vivon interesa kaj fruktodona. Poste dum la Konferenco oni elektis min kiel estro de Populariga fako. Mi konsentis kaj volas labori. Sed rememorante pri mi mem kiel "pasiva aktivulo", pri aliaj "pasivaj aktivuloj", pripensante ĝeneralan agadon de nia SEJM, mi opinias ke dume ni havos malmultajn sukcesojn. Ĉar ĉiu kunlaboras kun iu fako laŭdezire kaj plimulto tute ne agas.

Laŭ mia opinio, Sekretario de SEJM kaj Komitato devas postuli laborplanon de ĉiu klubo, kun indikitaj respondeculoj por ĉiu fako. Sciante la laborplanojn, ili devas doni ĝeneralajn taskojn al ĉiu klubo. Se ĉiu fakestro en ĉiu klubo ekhavos respondeculon, kiu kunlaboros, do la fako iĝos pli forta.

En la Regularo, ĉ.V, p.3 estas skribite: "La elektitaj fakest-

roj ... per varbado formas laborgrupojn el membroj de SEJM-kluboj...". Nun mi devas varbi per "Aktuale" kaj privataj leteroj. Sed plej efike tio okazus, se fari tian varbadon dum tendaro aŭ Konferenco. Kiel oni diras: "Bona penso venas pli poste"...

Memorante pri antaŭaj "voĉoj de kriantoj" en "Aktuale" kaj neefika laboro de la fakoj, mi ne esperas ricevi multajn proponojn pri kunlaboro.

Do, mi ripetas, plej bone estus se Komitato devigus ĉiun klubon sendi laborplanon kaj liston de respondeculoj pri fakoj (kune kun la raporto). Ekzemple: "Klubo ... membroj ... aktivaj ... Respondeculoj pri fakoj: historia - (familinomo), populariga - (familinomo), koresponda - dume ne estas, ktp.".

Tio tre helpos al ĉiu fako.

A.Kuprienko (Novomoskovsk).

## PERSPEKTIVOJ DE LA INTERLINGVISTIKO EN SOVET-UNIO

(raporto de B.Kolker en la inter-altlerneja seminario pri la nuntempa sovetia lingvoscienco - Baŝkiria ŝtata universitato, Ufa, la 4-an de majo 1977)

La problemo de planlingvo, kiu servu kiel ilo de internacia komunikado, delonge altiras atenton de lingvistoj, ĉar "studo de principaj demandoj de konstruado de helpaj lingvoj estas, fakte, studo de plej esencaj problemoj de la lingvoscienco ĝenerale" /1/. Normigita, konscie konstruita, praktike uzata lingvo prezentas grandegan teorian intereson "kiel provŝtoneto, ĉirkaŭ kiu oni povas starigi tutan vicon da teoriaj demandoj, gravaj por solvo de problemaro de reala lingvo" /2/.

La Internacia Lingvo (IL) prezentas gravan objekton de esploro ankaŭ per si mem, ekster ĝenerallingvistika problemaro, pro pliforteĝantaj integrigaj procezoj en la tuta mondo kaj speciale en Sovet-Unio.

Ne estas mirinde, ke la interlingvistiko (I-ko) ĝuis atenton de multaj lingvistoj el diversaj landoj. Grandan pozicion ĝi okupis en Sovet-Unio inter la du mondmilitoj, precipe dank' al aktiveco de la tiama ĝenerala sekretario de Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU), konata terminologo Ernest Drezen.

En la dua duono de la 50-aj jaroj en Sovet-Unio renaskiĝas intereso al I-kaj problemoj. Tiutempe Instituto de lingvoscienco ĉe Akademio de Sciencoj okazigis kelkajn diskutojn. I-kaj demandoj estis tuŝataj en verkoj de multaj sovetiaj lingvistoj: P.A.Ariste, V.V.Akulenko, B.P.Ardentov, N.D.Andrejev, J.D.Deŝerijev, V.V.Ivanov, M.I.Isajev, I.I.Revzin, V.J.Rozencvejg, A.V.Superanskaja, V.N.Jarceva. Precipe valoraj estis verkoj de V.P.Grigorjev /3,4/, O.S.Aĥmanova kaj E.A.Bokarjov /5/, E.P.Svadost /6/.

Ekde 1964 funkcias sekcio de I-ko en la Scienca konsilantaro pri la kompleksa problemo "Tendencoj de evoluo de naciaj lingvoj lige kun evoluo de socialismaj nacioj". Laŭ dekreto de Prezidio de Akademio de Sciencoj de USSR (la 18-an de oktobro 1973), en la Instituto de lingvoscienco (Moskvo) estis kreita Problema grupo pri demandoj de IL por "esplori la demandon pri helpa lingvo de internacia komunikado, eblojn de ĝia utiligo en la nuntempaj kondiĉoj" /7/.

La unua palpebla rezulto de ĝia agado - la artikolaro "Problemoj de I-ko" /7/ - elvokis aron da pozitivaj recenzoj en Sovet-Unia kaj eksterlanda gazetaro. Estas preparataj pluaj artikolaroj. Okazas kunsidoj de la Problema grupo kun sciencaj raportoj.

Lastatempe aktiviĝis I-ka agado inter studentoj-filologoj. Oni verkas referaĵojn, prelegas en studentaj sciencaj societoj. Tia agado estas videbla en universitatoj kaj aliaj superaj lernejoj de

Barnaul, Krasnojarsk, Tjumenj, Kiev, Pskov.

En 1976 Esperanto-klubo de Ufa turnis sin al 260 katedroj de ĝenerala lingvistiko en Sovet-Unio kun mallonga informo pri IL kaj propono sendi Esperanto-lernolibron, kondiĉe ke venos letero kun subskribo de katedrestro. 90 pozitivaj reeĥoj, inter kiuj de pluraj konataj sciencistoj, atestas pri vasta intereso de lingvistoj-pedagogoj al I-ko. Parto da ili esprimis deziron pli detale informadi siajn studentojn pri la demando, kelkaj eldiris preteccon organizi Esperanto-rondetojn.

Kvankam la termino "I-ko" jam delonge eniris sovetiajn vortarojn kaj enciklopediojn, ĝis nun ne ekzistas ĝia ĝenerale akceptita difino. Ni difinas I-kon kiel parton de la ĝenerala lingvoscienco, kiu esploras manierojn de konstruado de planitaj IL kaj ankaŭ funkciadon de internaciaj (etnaj kaj planitaj) lingvoj /8/.

I-ko estas intime ligita kun la sociologio, logiko, psikologio, literaturscienco, internacia juro, metodiko de lingvoinstruado kaj multaj aliaj sciencoj. Tia varieco rezultas el la fakto, ke I-ko staras ĉe la kruciĝo de du vastaj hom-aktivecoj, kiuj ne ricevis precizajn nomojn. La unuan oni povus nomi "La internacia en la lingvo kaj en la kulturo". La duan oni povus nomi "konstrua semiotiko", kiu subkomprenas unuflanke konstruadon de ĉiaj signosistemoj, informoligvoj, algoritmolingvoj, programlingvoj, duaflanke lingvopolitikon, lingvoplanadon, literaturan lingvoprilaboron.

Oni devas distingi ĝeneralan I-kon, kiu esploras diverslingvecon kaj lingvajn kontaktojn, kaj ankaŭ IL kiel ĝeneraligitan fenomenon, ĝian bezonon kaj funkciadon; kaj specialan I-kon, kiu okupiĝas pri konkretaj sistemoj de planita IL: Esperanto, Ido, Interlingua k.a.

Krome ni devas distingi la internan kaj eksteran I-kon (la unua studas la strukturon de planlingvoj, la dua - funkciadon de IL), la sinkronan kaj diakronan I-kon (la unua studas IL en iu momento de tempo, la dua - en evoluo). Tiamaniere I-ko estas dividata je ok fakoj, esplorantaj la problemon de IL el diversaj vidpunktoj. Ne ĉiuj ĉi fakoj havas la saman valoron kaj ne ĉiuj estas egale ellaboritaj.

Dank' al atenta pristudo de tendencoj de lingvoevoluo en la socialisma kaj komunisma socio, en multnaciaj kaj evoluantaj landoj, dank' al intereso al lingvoplanado kaj parolkulturo, dank' al disfloro de la kontaktologio, la teorio kaj praktiko de I-ko akiras ĉiam pli grandan signifon, konturante limojn de lingva konverĝo, de konscia influo de la homo al la lingvo.

I-ko celas nete eltrovi lingvajn barojn kaj montri vojojn de ilia venko. En nia tempo tio ege gravas ne nur por la scienco, sed ĝenerale por la internacia komunikado en nia ĉiam pli malgrandiĝanta mondo /9/. Estas esplorendaj ankaŭ demandoj de interrilato de IL unuflanke kaj studado de fremdlingvoj, tradukado, maŝina tradukado /10/ aliflanke. Proksimaj al la I-ka problemaro estas demandoj pri lingvaj hibridoj kaj pri la unusola mondlingvo de la estonta komunisma socio /6/.

I-ko donas riĉan materialon por la tipologio sub novaj vidpunktoj, des pli ke projektoj de planitaj IL prezentas novan Babelon (da ili estas konate ĉirkaŭ mil). El tio sekvas alia tasko - zorga esploro de la historio de IL, kiu entenas multajn spritajn utiligindajn ideojn.

Apartan signifon havas esperantologio: esploro de multfaceta funkciado de la planita IL Esperanto /11,12,13/ kaj esploro de evoluo de Esperanto, kiu principe ne diferenciĝas de evoluvojoj de etnaj lingvoj. Oni povas ĉi tie pretere noti, ke la perforta evoluigo fare de aŭtoroj kaj specialaj institucioj evidentiĝis pereiga: vidu ekzemplon de Volapük, Idiom Neutral, Ido.

Necesas emfazi didaktikan graveoon de instruado de I-ko kaj Esperanto en superaj lernajoj, precipe en filologiaj fakultatoj. Tio konsiderinde plivastigas la ĝenerallingvistikan horizonton, evoluigas pens-logikon, alkutimigas al memstara lingvistika analizo, kontribuas al rapida studo de fremdlingvoj, donas eblon por praktika uzado de IL.

Ĉion ĉi konfirmas la praktiko de instruado de la speciala kurso "Bazoj de I-ko" en la filologia fakultato de la Baŝkiria ŝtata universitato. Tia speciala kurso estus tre utila ankaŭ en aliaj superaj lernejoj, sed dume ĝia enkonduko estas malhelpata pro manko de universitata lernolibro de I-ko, kies kreon diktas la vivo.

L i t e r a t u r o

1. O.S.Aĥmanova k.a. O toĉniĥ metodaĥ issledovanija jazika. Moskvo, 1961, p.23.
2. A.A.Reformatskij. Parolo dum diskuto pri la nuntempa stato de la demando pri la internacia helpa lingvo. - "Fakti ob Esperanto", Moskvo, 1956, p.21.
3. V.P.Grigorjev. O nekotoriĥ voprosaĥ interlingvistiki. - "Voprosi jazikoznanija", 1966, N°1.
4. V.P.Grigorjev. I.A.Baudouin de Courtenay i interlingvistika. - "I.A.Baudouin de Courtenay", Moskvo, 1960.
5. O.S.Aĥmanova, E.A.Bokarjov. Meĵdunarodnij jazik kak lingvistiĉeskaja problema. - "Voprosi jazikoznanija", 1956, N°6.
6. E.Svadost. Kak vozniknet vseobŝĉij jazik. Moskvo, 1968.
7. "Problemi interlingvistiki". Moskvo, 1976, p.4.
8. B.G.Kolker. Struktura i problemi interlingvistiki. - "Russkij jazik i jego izuĉenije v visŝej i srednej ŝkole", Astraĥanj, 1970.
9. V.Peevski. La scienco kaj la Internacia lingvo. - "Scienca mondo", 1977, N°2.
10. B.Kolker. Internacia lingvo kaj permaŝina tradukado. - "Bulgario", 1964, N°1.
11. G.Waringhien. Plena ilustrita vortaro de Esperanto. Paris, 1970.
12. K.Kalocsay, G.Waringhien. Plena gramatiko de Esperanto. Budapest, 1938.
13. I.Lapenna, U.Lins, T.Carlevaro. Esperanto en perspektivo. London - Rotterdam, 1974.

## LABORAS TERMINARA CENTRO

Plej ĉefaj agadkampoj de Terminara Centro (TC) de Scienc-teknika fako de SEJM estas:

1. Kunlaboro kun Terminologia Centro de ISAE.
   1.1. Multobligado kaj dissendo de fakaj Slipo-serioj al nialandaj TC-kunlaborantoj.
   1.2. Aperigo de la Slipoj kun terminovariantoj kaj nocioj en Bulteno de STF por pridiskuto.
   1.3. Finpreparo de la Slipoj kaj sendado al TC de ISAE.
2. Kunlaboro kun IAdEM.
   2.1. Multobligado kaj dissendo de varbfolioj de IAdEM, revuoj "Matematiko translimen".
   2.2. Multobligo kaj dissendo de Matematikaj Slipoj al nialandaj IAdEM-kunlaborantoj por prilaboro.
   2.3. Aperigo de la Slipoj kun terminovariantoj kaj nocioj en Bulteno de nialanda IAdEM-sekcio.
   2.4. Finpreparo de la Slipoj kaj sendado al la ĉefa kunordiganto pri Terminologia agado de IAdEM.

3. Kunlaboro kun Teknikaj Sekcioj de alilandaj E-Asocioj.
3.1. Konatigo de nialandaj esperantistoj-fakuloj kun Bulteno de Teknikaj Sekcioj (ĈSSR), "Budapeŝta informilo" - "Sciencaj komunikaĵoj".
3.2. Interŝanĝo de Slipo-serioj kaj terminaroj.
3.3. Partopreno en pridiskuto de la terminovariantoj de Slipara Vortaro sur paĝoj de nialandaj bultenoj.
4. Kunlaboro kun Biblioteko de STF.
4.1. Preparo de la terminaroj kaj scienc-teknikaj verkoj en formo de mikrobendoj (MB).
4.2. Multobligo kaj dissendo de la MB-oj kaj terminaroj al TC-kunlaborantoj.
4.3. Multobligo kaj dissendo de fakaj Slipo-serioj kaj paĝoj de Bildvortaro (de R.Eichholz) al TC-kunlaborantoj.

Dum la agadjaro 1976/77 estas farita jena laboro:

1. V.Gakalenko redaktis projekton de rusa-esperanta matematika terminaro, kompilita de R.Sikorskij (Omsk). La terminaro estis sendita al J.Matvijiŝin (Kievo), laŭ lia konsento ĝin redakti. Tamen li post ioma tempo resendis la terminaron sen rimarkoj. Pri la redaktado li rezignis, ĉar: 1) ekzistas multlingva terminaro sub redakto de J.Klimek (Pollando), kiun eniris ankaŭ ruslingvaj ekvivalentoj; 2) en Paderborn (FRG) estas kompilata matematika terminaro surbaze de la komputero... Do, s-ano Matvijiŝin proponas atendi ĝis kiam la terminaro estos eldonita!? La terminaron, kompilitan de R. Sikorskij, pretas redakti G.Cejtin (Leningrado). Tamen ankaŭ la terminaro de J.Klimek estas bezonata. Karaj samideanoj, bonvolu sendi al nia TC provizore la terminaron.

2. V.Gakalenko kaj A.Kogan kontrolas tradukon de "Technisches Wörterbuch Deutsch-Esperanto" de R.Hafenkorn en la rusan lingvon fare de S.Soskina (Riga), V.Zibenkes (Sarapul), V.Birjukov (Tjumenj), I.Koroljov (Bijsk), J.Naruŝis (Vilnius).

3. V.Gakalenko kaj A.Kogan aĉetis stokon da terminaroj por kompilado de fakaj E-rusaj terminaroj. La kostojn pripagis SEJM-kaso.

4. Por prilaboro de Slipara Vortaro jam konsentis: S.Podkaminer (Leningrado), S.Neilande, M.Burgmeister, T.Bercis (Riga), B.Anoĥin (Ustj-Kamenogorsk), V.Zibenkes (Sarapul), L.Vulfoviĉ (Moskvo). Tamen ne eblas dume disdoni taskojn kaj sendi slipojn, ĉar ili ne estas multobligitaj. Karaj samideanoj, bonvolu helpi en multobligo de la Slipo-serioj.

5. A.Kogan preparis novan serion de negativaj MB por STF-Biblioteko. Por multobligo de la MB-oj estis akirita speciala aparato. Tamen kopiado de pozitivaj MB-oj estas dume tre komplika. Al TC venis multaj mendoj por la MB-oj, sed ni ne povas plenumi multajn el ili, ĉar plejparte MB estas en unu negativa varianto kaj ni ne riskas lasi Bibliotekon sen kontrola ekzemplero. Ni ankaŭ prokrastas redonon de la terminaroj, prenitaj ĉe A.Gonĉarov (Barnaul) por la mikrobendigo. Ni intencas ripeti kelkajn MB-ojn kaj produkti ilin pli perfekte.

Ni kore dankas pro grava helpo en provizado de STF-Biblioteko al N.Starodubcev (Doneck), A.Kilk (Tallinn), V.Cvetkova, S.Podkaminer (Leningrado), R.Sikorskij, V.Kulikov (Omsk), A.Rogov (Ĥmelnickij), V.Samodaj, L.Vulfoviĉ (Moskvo), kiuj disponigis MB-ojn kaj terminarojn. Ni esperas, ke la listo plilongiĝu.

TC-estraro.

## ĈU UTILA LABORO?

La nomo de A.B.Rogov el Ĥmelnickij estas vaste konata en Esperantujo. Kiu el ni ne emis aboni "Amikecon" aŭ almenaŭ ne aŭdis pri ĉi tiu riĉenhava literatura almanako. Kaj jen estas la nova aktiveco de la elstara esperantisto.

Antaŭ mi kuŝas la 13-a numero de "Fajrero de Esperanto", aperinta novembre 1977. Ĝi estas 10-obligita kaj dediĉita al la memoro de N.I.Ŝumarin - esperantisto, kiu okupiĝis pri eldonado de la pli fruaj "Fajreroj".

Kio do estas la "Fajrero", kion ĝi prezentas kaj por kio servas? Sur la anoncpaĝo ĝi estas prezentita kiel jara almanako pri historio, teorio kaj praktiko de Esperanto.

Kaj vere, en la unua ĉapitro "Oficialaj dokumentoj" estas prezentataj jam historiaj tekstoj: fragmentoj el la rezolucio de Ĝenerala konferenco de Unesko, komuna deklaro de Tutmonda Packonsilantaro kaj MEM; en la dua ĉapitro "Fame konataj homoj pri Esperanto" troviĝas eldiroj de A.Lunaĉarskij, J.A.Komenski, A.Einstein k.a. (Atenton! Popularigante E-on, evitu uzi eldirojn, atribuatajn al A. Einstein, ĉar ilia aŭtenteco estas dubinda. Fakte li neniam favoris Esperanton - tion li mem deklaris en 1950 en letero al usona E-isto W.Solzbacher. Vidu "Esperanto", novembro 1977, p.191-192. - La red.) La tria ĉapitro estas plene dediĉita al historio de E-movado en nia lando. Vica, kvara ĉapitro memorigas pri ĵus forpasintaj neforgeseblaj tagoj en la someraj E-tendaroj. La kvina ĉapitro rakontas pri nuntempaj famaj esperantistoj - B.Kolker, jam 20 jarojn okupiĝanta pri E-o; D.L.Armand, I.J.Bril, I.V.Lubjanovskij, kiuj daŭre okupiĝis pri E-o, multon sukcesis fari kaj lasis post si plurajn disĉiplojn. La sekvaj VI-a - X-a ĉapitroj prezentas nunan staton de E-o: "E-o en soveta preso", "Paĝoj en E-o" (el la 24-a kajero de "Amikeco"), "Esperanto kaj scienco", "Esperanto en la mondo" kaj "Diversaĵoj".

Mi intence prezentis la enhavon de la almanako sufiĉe detale, ĉar, domaĝe, ne multaj povos konatiĝi kun ĝi.

Kaj nun pri la mankoj.

Unue, la plej ĉefa manko laŭ mi estas tiu, ke la almanako estas farita en la rusa lingvo (preskaŭ plene). Por kiuj ĝi estas farita - ĉu por esperantistoj? Sekve, ne necesis elesperantigi tion, kion pli bone estus aperigi en la lingvo internacia.

Due, la tekniko de plenumo. La papero en la almanako estas diversdimensia, diverskolora kaj diversdika. Ankaŭ la tajpado estis farita mikse: parte - trans unu intervalo, parte trans du.

Trie, ankaŭ grava manko. La laboro estis farita preskaŭ sole, kun helpo de nur apudaj esperantistoj. Necesus tamen peti la konsilojn, helpon de aliaj sovetlandaj E-spertuloj, nome - iu el SEJM-aktivuloj (konsiloj pri E-tendaroj); A.Gonĉarov ("Esperanto kaj scienco")...

Tamen, malgraŭ tiuj kaj aliaj mankoj, la almanako estas tre utila kaj necesa. Tiun ĉi laboron indus daŭrigi. Necesas helpi al la laboro de A.B.Rogov kaj ĉiujare aperigadi similajn eldonaĵojn. Per komunaj fortoj ni povus fari la almanakon same bezonata por la esperantistaro kiel la nunaj "Amikeco", "Aktuale", sen kiuj, mi esperas, oni sentus ian mankon.

D.Cibulevskij (Ĥarkov).

## AGANTE KOMUNE

La 27-an de novembro en Krasnojarska urba Kulturpalaco okazis vespero de internacia amikeco. Ĝi pasis sub devizo "Amikoj de niaj amikoj estas niaj amikoj!". La aranĝon organizis klubo de internacia amikeco (KID) ĉe la medicina instituto kaj la urba E-klubo. En la vespero partoprenis ankaŭ reprezentantoj de aliaj urbaj KID-oj el pedagogia, politeknika kaj kolormetala institutoj. Pli ol 300 partoprenintoj, plejparte studentaro, ĉeestis interesan programon de la vespero.

Ĉiu KID montris sian koncertan programon, prezentis sin kaj konatiĝis kun la aliaj. Kantoj, dancoj, versaĵoj, interesaj ludoj variigis la programon. Membroj de la urba E-klubo aktivis en diversaj konkursoj kaj ricevis ĉiujn gajnaĵojn. Certe tio ĉi estis agrabla! Dum la dancado por la gastoj ludis profesia ensemblo apartenanta al la Kulturpalaco.

Interese kaj gaje pasigita amasa vespero montris al gvidantoj de urbaj interkluboj vojon por kolektiva agado. Por pridiskuti formojn de komuna laboro kaj informado, gvidantoj de ĉiuj plej aktivaj KID-oj decidis organizi seminarion en la Kulturpalaco.

V.Sapoĵnikov, prezidanto de Krasnojarska E-klubo.

## E-AGADO EN VOLGOGRADO

La 13-an de novembro en la belega Kulturpalaco "Kemiisto" okazis la unua kunveno de Volgograda E-klubo. La kunvenon partoprenis 50 personoj (ankaŭ neesperantistoj), inter ili 7 klubanoj, jam vizitintaj E-tendarojn. La klubo ricevis ejon rekomende de rajkomo de komsomolo kaj fondiĝis ĉe la Kulturpalaco. Dum la unua kunveno okazis prelegoj "La internacia lingvo Esperanto servas por bono de la homaro", pri la lingvo mem kun enkonduko en la lingvon, E-ekspozicio. Ekde tiam ĉe la Kulturpalaco funkcias senpaga E-kurso, kiun frekventas 25 personoj.

Antaŭe, la 22-an de septembro, aperis priesperanta artikolo en la regiona tagĵurnalo "Volgogradskaja pravda".

La 18-an de decembro fare de la klubanoj estis organizita la vespero, dediĉita al L.Zamenhof. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 30 personoj. Dum la vespero okazis prelego "Zamenhof - la aŭtoro de la internacia lingvo Esperanto", recito de originalaj versaĵoj, kantado akompane de gitaro, rakontoj pri interesaj okazintaĵoj.

La klubanoj proponas nomi la klubon "Verda fajrero".

T.Vtorova, provizora prezidantino de E-klubo.

## EN ANTIKVA SAMARKANDO

Antaŭnelonge ĉe la urba komitato de komsomolo estis fondita Samarkanda E-klubo de Interpopola Amikeco, kaj nuntempe nia E-agado estas sufiĉe vigla. Kion do ni faris dum la trimonata ekzistado de nia klubo?

Ni multe prelegis pri Esperanto en diversaj medioj, faris du grandajn ruslingvajn murgazetojn "Esperantujo-77" kaj "90-jara jubileo de Esperanto", aperigis tri priesperantajn artikolojn en la regiona tagĵurnalo, okazigis specialan priesperantan kunsidon en Samarkanda Universitato. Niaj geklubanoj aktive partoprenis la abonkampanjon por 1978 kaj abonis 55 ekzemplerojn de ĉiuj aboneblaj E-revuoj. Ni starigis amikecajn korespondligojn kun eksterlandaj geesperantistoj.

Nia klubo estas tre juna, kaj ĉiujn niajn klubkunvenojn partoprenas multaj komencantoj. Tial, por ke ĉiuj bone komprenu E-paroladon, ni aranĝas ĉiujn klubajn entreprenojn en Esperanto kun tuja traduko en la rusan. La klubo estas plejparte studenta, sed inter niaj geklubanoj estas ankaŭ lernantoj, instruistoj, laboristoj kaj medicinistoj. La plej bonaj aktivuloj de nia klubo estas: kandidato de medicinaj sciencoj Lemjelev V.R., universitataj gestudentoj Petroŝeviĉ J., Kocan E., Ĥamrakulov Ŝ., malnova esperantisto Iodko V.K. k.a. Treege helpis al la biblioteko de la nova klubo la konata taŝ-

kenta esperantisto P.Poliŝĉuk. En la nomo de nia tuta klubanaro mi volas pere de "Aktuale" tutkore danki lin pro la grava kaj neprofitema helpo.

Komenci E-agadon en la urbo, kie antaŭe ekzistis nenia E-movado, estas ne tre facila afero. Kaj, bedaŭrinde, neniu el ni havas iam sperton de la klublaboro. Tial, por ke nia agado estu pli vigla kaj pli fruktodona, ni petas E-klubojn kaj unuopajn E-spertulojn helpi al ni per diversaj E-materialoj por la klublaboro. Ni ĉion kopios kaj tuj resendos. Antaŭdankon!

A.Ionesov, prezidanto de Samarkanda E-klubo de Interpopola Amikeco.

## LA UNUAJ PAŜOJ

Pasis jam ĉirkaŭ 3 monatoj de la tago, kiam malfermiĝis Voroneĵa urba E-klubo. Tiu ĉi evento estas grava kaj ĝoja ne nur por la voroneĵa esperantistaro (dume nemultnombra), ĉar Voroneĵo estas urbo kun riĉaj E-tradicioj: ankoraŭ en la antaŭmilitaj jaroj ĉi tie estis vigla E-vivo. Num paŝo post paŝo komenciĝas renesanco de E-movado en nia urbo.

Post certaj klopodoj ni ricevis oficialan aprobon de nia intenco krei urban E-klubon. Ni esperis ricevi klubejon en Kulturpalaco de fervojistoj, sed... Lastmomente, kiam laŭ la gazeta anonco venis pli ol 60 personoj, estrino de la palaco rezignis pri sia promeso. La aferon savis ĉeestinta edukistino el komunloĝejo, kaj ni dume kunvenas tie.

En tiu, esperreble provizora, ejo, komenciĝis nia laboro. Estis proklamita malfermo de la klubo, elektita la estraro, kiun eniris: Glazunov V.A. - prezidanto, Kulakov I.F. - sekretario, Granat B.A. - respondeculo pri abonado kaj rilatoj kun SEJM, Ŝuvajev E.E. - respondeculo pri instrua laboro, Kozirjkova M.I. - mastrino de la klubejo. Komenciĝis E-kursoj: nia plej sperta esperantisto V.A.Glazunov instruas Esperanton al kelkdek komencantoj. Sur ĉi tiu kampo jam estas iomaj atingoj: konsisto de la kursanoj estas stabila, ni akiris vortaretojn. Ekzistas, kompreneble, malfacilaĵoj: mankas dume lernolibroj, E-literaturo; la ejo ne konvenas por instruprocedo.

Unu el komplikaj problemoj: kiamaniere disvolvi la kluban laboron? Ĉu dume sufiĉas nura lingvoinstruado? Kelkaj kursaninoj jam diris, ke ili enuas. Evidente, necesas organizi iujn aranĝojn, sed kiam okupiĝi pri tio? Ni kolektiĝas unu fojon dum semajno. Ĉu organizi la klubkunvenojn antaŭ aŭ post la lingva instruado, aŭ dediĉi al tio la tempon speciale? Dume ni decidis organizi la klubkunvenojn dufoje dum monato.

Programon de la kunvenoj konsistigas precipe rakontoj pri partopreno en diversaj E-aranĝoj. Ni invitis malnovan voroneĵanon, kiu rakontis pri tio, kiel li okupiĝis pri Esperanto en la dudekaj jaroj kaj aktive korespondis kun eksterlandanoj. Nia prezidanto, E-veterano V.A.Glazunov rememoris pri sia partopreno en SAT-kongreso, pri renkontiĝoj kun eksterlandanoj en Moskvo en 1957 kaj en Leningrado en 1969 ktp. Mi rakontis pri la restado en OkSEJT-19. Estas planitaj aliaj similaj aranĝoj.

Karaj legantoj! Skribu pri via sperto de kluba laboro. Kiam kaj kiel vi organizas klubkunvenojn ktp.? Helpu, se eblas, per konsiloj kaj literaturo. Ni ĝoje akceptus iun, kiu vizitus nian urbon. Nia klubo kunvenas ĉiudimanĉe je la 15-a horo en subtera etaĝo de komunloĝejo (Moskovskij prospekt 15).

B.Granat (394026 Voroneĵ, Jeremejeva 27/25).

## ILEI-NOVAĴOJ

La 5-8-an de novembro 1977 en Parizo okazis la kunsidoj de ILEI-estraro. Ĉeestis: Rektoro H.Sonnabend (prezidanto), d-ro prof. M. Dazzini (ĝenerala sekretario), G.Turin (vicsekretario), O.Olsson (kasisto).

Ĉefaj temoj pridiskutitaj estis pri ILEI-konferencoj en 1978, 1979 kaj 1980, rilatoj kaj kunlaboro kun UNESCO kaj aliaj organizaĵoj, pri Internacia Pedagogia Revuo k.a. Rezulte estis farita interkonsento kun SAT pri kunlaboro (organizado de mondekspozicio de infandesegnaĵoj kadre de UNESCO-agado ktp.). Oni pridiskutis okazigon de ILEI-konferenco en 1978 en la urbo Nowy Sacz (Pollando). Temo de la konferenco: "Fakaj vidpunktoj en la instruado". Fakuloj dezirantaj prelegi en la konferenco estas petataj sin anonci ĉe ILEI-sekcio.

La 13-a Internacia Konferenco de ILEI estas planata en Locarno. Provizora tempo: 28.7. - 4.8. 1979. Pri la sekva konferenco en 1980 oni povas konstati, ke la estraro konsideras la eblecon organizi ĝin en Afriko.

Krome estis decidite eldoni materialojn pri Lerneja eksperimento en la regiono II, starigi lingvan angulon en IPR kaj plivariigi ties enhavon. La estraro notis la informon de la vicprezidanto, ke en 1978 okazos Simpozio pri lingvistiko ĉe la Universitato en Budapeŝto. La ĉefa enhavo estos la scienca esploro de planlingvoj. Ĉiuj interesitoj bonvolu sin turni al Universitato ELTE-Pesti, Barnabas 1-3, 1364 Budapest V.

Estis decidite daŭrigi kunlaboron kun UEA, SAT, Freinet-Movado, TEJO, ISAE, Eŭropa E-Centro kaj aliaj organizaĵoj.

La 8-an de novembro la estraron akceptis reprezentanto de UNESCO s-ro Arsov, kiu prezentis la planon pri la ekspozicio de infandesegnaĵoj en 1979 en Parizo kaj mem proponis ekspozicii en la granda halo de UNESCO. Oni priparolis ankaŭ aliajn temojn de kunlaboro. Samtage la estraro vizitis la Universitaton La Sorbonne kaj estis akceptita de la ĉefo de kabineto s-ro Sala. Oni prezentis kaj diskutadis la planitan Simpozion dum 1979 en la Universitato. S-ro Sala promesis priparoli la demandon kun la Rektoro kaj havigi la skizan planon de la Simpozio al la Universitato.

El la ricevitaj protokoloj (cirkulero 9/1977) de la kunsidoj de ILEI-estraro ekstraktis N.Starodubcev (Doneck).

## FAVORO AL KOLEKTANTOJ

Samideanoj, kiuj legadas "Heroldon", eble rimarkis lastjare aperintan anonceton de s-ro R.Melo (34 av. de Russie, F-03700 Bellerive, Francujo) pri esperantista kolektanta centra informejo. Mi iam bone konis la aŭtoron de la anonco: ŝajne antaŭ 10 jaroj mi eĉ estis ano de internacia filatelista klubo CIEP, fondita de R.Melo. Mi turnis min laŭ la adreso kaj ricevis jenan respondon, kiu sendube meritas atenton de kolektemaj esperantistoj:

"Estimata samideano,
ni informas Vin pri la ekzistado de nia EKCI kaj ĝiaj servoj. Ni senpage registradas en nia sliparo ordigita laŭlande kaj laŭkategorie adresojn de seriozaj esperantistaj kolektantoj kune kun iliaj interŝanĝ-deziroj. Ankaŭ ni nun varbas seriozajn kunlaborantojn en ĉiuj landoj, kiuj akceptos, laŭ iliaj eblecoj komprenable, liveri informojn, kolekti adresojn, disvastigi niajn celojn, liveri la novaperintaĵojn (poŝtmarkojn, porokazajn glumarkojn, esp-poŝtstampojn ktp) al ĉiuj.

Se Vi deziras vendi, aĉeti aŭ interŝanĝi la plej diversajn kolektindaĵojn, kiujn oni povas nuntempe kolekti, informu nin. Sendu al ni la adresojn de ĉiuj seriozaj esp-kolektantoj, kiujn Vi konas, por ke ni informu ilin pri niaj servoj.

Unuvorte, pere de speciala kaj detala letero sciigu al ni la servojn kiujn nia EKCI kaj ĝiaj kunlaborantoj povas al Vi liveri kaj kiel Vi mem povas servi la tutmondan esperantistan kolektantaron.

La administranto."

Do, dezirantoj sekvu la proponojn.

J.Kivajev (Joŝkar-Ola).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

ESPERANTAĴOJ AĈETEBLAS

Ĉe la vicprezidanto de SEJM pri financaj aferoj. SEJM proponas al vi jenajn interesaĵojn: 1) Vortaretoj de I.Sergejev - 1r45k, 2) Emblemoj "Poltava E-klubo" - 1r05k. 3) Emblemoj "La 11-a SEJM-Konferenco" - 1r05k. 4) Emblemoj "OkSEJT-19" - 1r05k. 5) Insignoj "Esperanto" - 40k. 6) "Kievo-ĉefurbo de Ukrainio" - 35k. 7) Tendara libro "OkSEJT-19" - 70k. Tiuj ĉi prezoj inkluzivas la poŝtelspezojn. La mendojn sendu dezirinde pogrupe, insignojn bv mendi ne malpli ol 30 ekzemplerojn.

ABONU "SCIENCAN REVUON"

Ekde 1978 la organo de ISAE estos eldonata en Ĉeĥoslovakio. La ofteco (6 numeroj jare) kaj la abonprezo (7r50k) ne ŝanĝiĝis. La abonojn ĝis la 1-a de marto akceptas la ĉefperanto Tokarev Boris Vladimiroviĉ: 103001 Moskvo K-1, A.Mickeviĉa 10-6. Dezirantoj ricevi konfirman kvitancon aldone sendu koverton kun preta adreso.

POR UZI ENIGMOJN EN E-INSTRUADO

Estas eldonita rotaprinte kolekto de 182 versaj humuraj enigmoj, originale verkitaj en Esperanto. La kolekto estas provizita per apuda rusa laŭvorta traduko kaj per ruslingva E-gramatiko, kompilita de Zamenhof. Kunigo de interesa teksto, gramatiko kaj traduko ebligas uzi la kolekton ne nur kiel legaĵon, sed ankaŭ kiel memlernilon kaj instrulibron. Prezo de unu bindita ekzemplero - 3r50k. Mendojn sendu al la aŭtoro: 700125 Taŝkento G-125, Visokovoltnij massiv, ul. Sajfulina 4, Romano GRINŜPAN.

E-TERMINARO POLIGRAFIA?

Pri tia terminaro mi fakte pensis jam delonge, kaj nun ŝajne aperis kondiĉoj por komenci ĝian kompiladon. Mi dum kelka tempo laboris en poligrafia (ofseta) fako kaj decidis provi la fortojn en tiu ĉi branĉo. Mi akiris seslingvan poligrafian terminaron (angla-germana-rusa-nederlanda-itala-ĉeĥa); krome mi havas la novaperintan Germana-rusan poligrafian vortaron kaj diversajn E-eldonaĵojn. Sed certe nun por tia grandega laboro mi bezonus ankaŭ la Kemian terminaron (PIVon) kaj alian fakan literaturon. Tial mi tre petas ĉiujn trarigardi viajn librostokojn kaj ion trovi por mi donace, vende aŭ prunte. Mi salutus ankaŭ ĉiujn fakulojn, kiuj ekdeziros kunlabori aŭ helpi. La adreso: 340092 Doneck, abonkesto 618, Starodubcev N.N.

LA REDAKTORO DANKE RECIPROKAS ĈIUJN VENINTAJN NOVJARGRATULOJN!

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 16.I.78.
Ĉiujn materialojn por "Aktuale" sendu laŭ la redaktora adreso: 121019 Moskvo G-19 do vostrebovanija Aroloviĉu Viktoru Semjonoviĉu.